WIKIPEDIA

# Malnovpersa lingvo

La **Malnovpersa lingvo** estas unu el la du rekte atestitaj malnovaj iranaj lingvoj (la alia estas la avesta lingvo). La malnovpersa aperas ĉefe en la surskriboj, argiltabuloj, kaj sigeloj de la aĥemenida epoko (ĉ. 600 a.K ĝis 300 a.K). Ekzemploj de malnovapersa troviĝis en kio estas nuna Irano, Irako, Turkio kaj Egiptio. La plej grava registraĵo en tiu lingvo estas la Behistun-surskribo (datita al 525 aK). Freŝaj esploroj en la vasta Arĥiko de Persepolo de la Orienta Instituto de la Universitato de Ĉikago jam elterigis malnovpersajn tabulojn (2007). Tiu nova teksto montras, ke la malnovpersa estis skribita lingvo uzata por praktika registrado kaj ne nur por reĝaj aferoj.